

Informilo de Ĝemelaj Urboj

Reta revueto de UEA pri la projekto “Ĝemelaj Urboj”

Kongresa numero Jaro 7 N-ro 4 (27) decembro de 2008

NOVAĴO

**Qinhuangdao kaj Tomakomai: 10-a jariĝo de la ĝemeliĝo**

La 1-an de septembro 1998 la du urboj Qinhuangdao en Ĉinio kaj Tomakomai en Japanio kune subskribis ĝemelan kontrakton. Inter la 18-a kaj la 21-a de oktobro 2008 delegacio gvidita de la urbestro de Tomakomai vizitis Qinhuangdao por festi la 10-an jariĝon de la ĝemeliĝo inter la du urboj. La festo konsistis el vizito al vidindaĵoj, vespera kunveno, amikeca renkontiĝo de ambaŭ urbanoj ĉe lernejoj, industria kvartalo, sporta matĉo, vespera koncerto de la urbanoj.

S-ro Hoŝida Acuŝi, delegito de UEA en Tomakomai, partoprenis en la delegacio kaj renkontiĝis kun s-ro Zhang Shengmao, esperantisto en Qinhuangdao sub aranĝo de la komisiito.

Frue en 2005 s-ro Hoŝida Acuŝi ekserĉis samideanon en Qinhuangdao kaj direktis tion al la komisiito.

Post kelkjara penado la komisiito en la pasinta februaro finfine trovis s-ron Zhang Shengmao, maljunulo, kiu jam emeritiĝis antaŭ multaj jaroj, kaj kontaktigis ilin reciproke. Tiu renkontiĝo ankaŭ dankendas al helpo de la du ĉinaj samideanoj Wang Tianyi (Ĉielismo) kaj s-ro Wei Shan, ĉar ili ofertis valorajn rilatajn fadenojn.

**Herzberg am Harz kaj Gora:15- jara jubileo de la ĝemeliĝo**

Herzberg am Harz - la Esperanto-urbo (Germanio) kaj Gora (Pollando) estas ĝemelaj urboj. La jaro 2008 estas la 15-a jariĝo de ĝemeliĝo de ambaŭ urboj. Oni festis tion per ekspozicio, kreo de informŝildo “Ni estas partneroj” kaj vizito. Detale legu sekvan raporton el Germana Esperanto-Centro.

**Forpasis Maire MULLARNEY**

Maire Mullarney (1921-2008) forpasis la 18-an de aŭgusto en Dublino (Irlando). Ŝi estis fakdelegito pri ĵurnalismo kaj E-movado de UEA kaj dufoje fariĝis komitatano de UEA (1987-1989, 1999-2001). Ankaŭ ŝi estis unu el la fondintoj de la Verda Partio, kaj estis konata kiel edukisto, ĵurnalisto kaj verkisto, kaj havis aprezatajn verkojn *Esperanto for hope*, *Everyone’s own language*, *Maire Mullarney argues about Language* ktp.

John GORMLEY, prezidanto de la Verda Partio, donis altan takson al Maire Mullarney: “Maire havis multe da pezo en la evoluo de la partio, kaj ŝia laboro en la terenoj de edukado kaj lingvo grande influis la partion”.

**Funebraj vortoj de la komisiito**

Maire Mullarney estis unu el la fruaj reagintoj al la projekto "Ĝemelaj Urboj". Ŝi en sia mesaĝo diris:

"Kara samideano, mi estis dum jaroj magistratano kaj pridiskutis aranĝojn pri ĝemeliĝo de mia graflando (South Dublin). Kiam ni ĝemeliĝis kun Kreis Segeberg (Germanio), mi tien iris grupe, kaj multe strebis interesigi kaj miajn kolegojn kaj niajn gastigantojn je nia lingvo. Mi malsukcesis, kvankam en nia konsilio neniu (krom mi) kapablis paroli eĉ unu germanan vorton kaj nur tri aŭ kvar germanoj povis paroli angle. Sed, strebu!" (vidu n-ron 2, Informilo de

Ĝemelaj Urboj/2002).

La projekto "Ĝemelaj Urboj" perdis fortan subtenanton, Informilo de Ĝemelaj Urboj perdis fidelan leganton. Mi esprimas tristan kondolencon al s-ino Maire Mullarney, kaj sinceran konsolon al ŝia familio.

**Projekto: Reto el Oficialaj E-urboj kaj vilaĝoj**

**Ĉefa celo**:

- Kre(ig)i reton de oficialaj Esperantaj urboj kaj vilaĝoj per ĝemeliĝo

**Kion atendi:**

- instruadon de Esperanto en bazaj lernejoj
- kreiĝon de tra-urba reto el spektakloj - ĉu teatraj, ĉu muzikaj, ĉu kinaj
- lanĉon de artaj ekspozicioj de E-artistoj tra ĉiuj E-urboj kaj vilaĝoj
- aperigon de E-libroj ĉe lokaj librejoj
- eventuale radian kaj televidan elsendon
- turistan oferton en Esperanto

**Kion tio postulas:**

- kreon de lernejaj E-programoj por la bazaj niveloj de instruado
- kreon de lernejaj E-manlibroj
- kulturajn servojn por organizi kaj disponigi spektaklojn kaj ekspoziciojn
- diplomiĝon de E-fakuloj en turisma kampo
- servon de radio/televido

**Rimedoj**:

- Sekvi disvolvon de la eksperimento Herzberg-Gora (H-G) kaj bilanci ĝin
- Krei apogklubon al iniciatoj de H-G
- Dokumenti la eksperimenton celante allogi aliajn urbojn kaj vilaĝojn
- Komisii taŭgan skipon por starigi programojn kaj manlibrojn por geknaboj de baza instruado (ok- ĝis dek kvin jaraĝaj)
- Elserĉi kaj registri tra landaj asocioj la situacion ĉe komunumestraroj por scii kiom da esperantistoj komunumestras.
- Unue disigi la eksperimenton per hungaraj urboj-vilaĝoj kaj najbaraj. Klopodi lanĉi similan iniciaton en Azio almenaŭ.
- Disponigi monsumon por la afero.

*Pravigo de la projekto "Reto de E-urboj kaj vilaĝoj"*

E-asocio celas ĉiam disvastigi Esperanton eĉ se tio ne estas ĝia ĉefa celo. UEA ne povas ne akcepti ĉi celon pro tio ke nur ĝi garantias ties memekziston. Unu el ĉiuj, kaj samtempe la elstara disvastiga celo rilatas al instru(ig)ado de la E-lingvo.

Ĉu ĉiam tio okazis? Eble, tamen… ne sufiĉe.

Facile oni rimarkas ke, enkadre de E-instruado, mankas kunligo de la instruprogramoj kun la ĉefaj organizoj de la movado (UEA, EEU, ktp). Pri tio multe laboras unuopaj homoj kaj institucioj, tamen al tio UEA sin rilatas flanke. Kompreneble, mi ne diras ke estas rolo de UEA (kaj EEU) instrui Esperanton, sed nepre instruigi. Do, la problemon oni devas klare atenti.

Ĝis nun, krom malmultaj kontraŭaj ekzemploj (el kiuj elstaras Bona Espero), la konstantaj

lokoj, kie oni nature parolas Esperanton, malmultas. Restas la E-aranĝoj al kiuj oni devas aliĝi dum feriadaj tempoj. Kompreneble, ili havas tre gravan rolon en Esperantujo, tamen tre limigitan pro tio ke ili reduktiĝas loke, tempe kaj partoprenantare.

Ĉu dezirendus estigi konstantajn nature paroligajn lokojn? Ĉu al tio devas celi UEA?

La germana E-urbo Herzberg ĝemelita al pola urbo Gora iomete respondas al ĉi defio. Fakte ĉi E-urboj klopodas miksi E-on en la ĉiutaga vivo de ties loĝantaro: sur la stratoj, per kulturaj-, komercaj-, sociaj eventoj, en la lernejoj, ktp.

Tio estas, ĉi eksperimento kreas lokojn, kie nature E-parolado okazos. Per E-o kunligiĝas du urboj kaj ties loĝantoj. Ĉu tio ne sufiĉe allogas kaj ne klare montras vojon? Vojon precipe por respondi al nomataj praktikaj problemoj. Fakte krei reton de oficialaj E-urboj kaj vilaĝoj signifas krei naturajn paroligajn E-lokojn. Kaj tio respondus al tiuj (kiuj multas, laŭ mia sento), kiuj ne sin devigas al lernado de E-o pro praktikaj kialoj, t. e., E-o aperas al ili kiel lingvo ne taŭga por ĉiutagaj aferoj.

Enŝovante E-on en normalviva etoso ĝi normale aplikiĝos kaj evoluos.

Tamen, kiu kaj kie novas? Fakte jam ekzistas ĝemela movado. Ĉu tio egalas al la H-G-eksperimento? Ne! Ĉi tiu temas pri oficiala agado, promociita de la komunumaj estraroj mem. Estraroj kiuj komprenas la avantaĝojn de la projekto E-urboj kaj vilaĝoj.

Kompreneble, oni ne atendu ke ĉi projekto disvastiĝos per spontana agado. Tio eble ne okazos, ĉar tio postulas kunordigon kaj laboron. Do, pro tio UEA (EEU…) devas enmiksiĝi en tiu laboro kaj sin komisii por kunordigi la agadon. Sekvi atente la laborojn ĉe H-G kaj apogi ilin. Eĉ krei apogklubon por rekte respondi al demandoj kaj helppetoj. Nu, UEA devas atenti kaj atentigi pri ĉi fenomeno, kiel eksperimento tia, kia eblos antaŭenigi la projekton E-urboj kaj vilaĝoj. Samtempe kreigu fakan grupon por studi kaj proponi taŭgajn lernejajn E-programojn kaj rilatajn manlibrojn por la malsamaĝaj geknaboj dum la baza oficiala instruado.

Kiam eblos bilancu la eksperimenton, kaj se tio montriĝos pozitiva, UEA (EEU…) devos disigi ĝin. Do, krei pli da E-urboj kaj vilaĝoj, ĝemele (eble).

Devos UEA per oportuna ago elserĉi la ekzistantan kvanton da komunumaj E-estraranoj kaj ĉe ili diskuti la aferon. Ĉu eblos altiri la komunuman estraron mem? Ĉu eblos krei E-urbon, vilaĝon? Ĉu nur eksperimente?

Kiam oni okulumas la mapon de Eŭropo kaj rememoras informojn pri amasa lernado de E-o estiĝas en onian kapon Hungario. Kun multaj E-ekzamienitoj kaj kun najbaraj landoj tute malsamlingvaj Hungario kaj ĉirkaŭaj landoj eble estus la plej taŭgaj lokoj, en Eŭropo, por la paŝo antaŭen. (Ĉu io tia eblus en Azio?)

Nu… revo, kompreneble. Verŝajne tiuj urboj kaj urbestroj/vilaĝestroj pli sopiras al lernado de la angla ol tio pri E-o. Tamen eĉ tiel oni povus transpasi per flagigo de la faciliga rolo de E-o por lerni fremdajn lingvojn. Se tio tamen ne estas problemo, tia faciliga rolo enkondukiĝos al lernado de la najbara lingvo.

Tiel UEA kontribuos al instruigado de E-o. Tiel UEA plenumos ties ĉefan celon per kreo de taŭga etoso por nature disvastigi/paroligi Esperanton. --- Luís Filipe P. Ladeira, en Lisbono, la 1-an de septembro 2008 (reviziita de d-ro Ludoviko MOLNAR)

**[la redaktoro]** Luís Filipe P. LADEIRA, 58 jara, diplomiĝis pri filozofio kaj instruis tiun fakon en gimnazio kaj loĝis en la urbo Amadora ĉirkaŭ Lisbono. Li esperantistiĝis fine de 2002 kaj estis estrarano de Portugala Esperanto-Asocio dum kelkaj monatoj, kaj gvidas enkadre de Eŭropa Esperanto-Unio la projekton "AKEL-Alternativa Komunikado inter Eŭropaj Lernejoj", kaj, rilate al la lerneja E-klubo, la du-lingvan blogon. Li klopodas allogi gejunulojn al la internacia lingvo Esperanto por defendi Eŭropan Union La 2-an septembro mi ricevis lian raporton pri la projekto

“Reto el Oficialaj E-urboj kaj vilaĝoj” transsendita de s-ro Renato CORSETTI. Konsiderante ke ĝi koncernas kaj favoras al evoluo de la projekto “Ĝemelaj Urboj” mi aperigas ĝin en ĉi-numero, kaj esperas, ke interesitoj povu reagi al projekto de Ladeira, kaj kun li diskuti pri ĝi per lia kontaktadreso: **Rua Manuel Valadares, 10, 2E, 2650-192 Amadora, Portugalio**, kaj retadreso: luisladeira@netcabo.pt

## URBA STILO KAJ TRAJTO

### Urba historio

Bjalistoko (pole Białystok, konata ankaŭ sub aliaj nomoj) estas la plej granda urbo en nord-orienta Pollando ĉe la rivero Biała, ĉefurbo de Podlaĥi Provinco (*Województwo podlaskie*), proksime de limoj al Belorusio kaj Litovio. La urbo estas administra, ekonomia, scienca kaj kultura centro de la regiono.

Bjalistoko devenas de ŝtonepoko. De ferepoko devenas grandaj kurganoj, probable tomboj de militestroj, apud nuntempa vilaĝo Rostołty. La loko situis ĉe trako inter du maroj: Balta kaj Nigra, kaj tie miksiĝis kulturoj i.a. pola, rutena kaj prusa.
Inter ĉefurboj de provincoj Bjalistoko, kun loĝantoj 298 566 (en la 31-a de decembro 2007), estas la 2-a plej dense loĝigita, 11-a plej homplena, kaj 13-a plej vasta en Pollando, kun areo 102,12 $km^2$.

Ĝi estas partoprenanto de: Unio de Polaj Metropoloj, Eŭroregiono Niemen, Eurocities, estas ankaŭ sidejo de Fondaĵo Verdaj Pulmoj de Pollando. Bjalistoko estas centro de komercaj kontaktoj kun orienta Eŭropo. Funkcias en ĝi la Centro al Promocio de Orienta Merkato.

Geografiaj kialoj (la urbo troviĝas proksime al Litovio, Belorusio kaj Rusio) kaj historiaj cirkonstancoj kaŭzis specifan karakteron de Bjalistoko. Dum jarcentoj vivis tie homoj de diversaj kulturoj, nacioj kaj religioj. La urbo kaj ĝia ĉirkaŭaĵo formas Bjalistokan Urban Aglomeron. Bjalistoko estas la granda centro de teksa, nutra, mekanika, kemia kaj ligna industrioj.

En Bjalistoko funkcias pli ol 570 neŝtataj organizaĵoj (56 societoj kaj asocioj, ia. Bjalistoka Scienca Asocio, Bjelorusa Socia-Kultura Societo).

### Esperanto-movado

Bjalistoko estas la naskiĝurbo de la iniciatinto de Esperanto, Ludoviko Zamenhof. Li naskiĝis la 15-an de decembro 1859 ĉe la strato Zielona, kiu nun estas nomata strato Zamenhofa. Apud la loko kie iam staris la naskiĝdomo de Zamenhof pendas nun marmora tabulo. En la domo troviĝis ora libro, en kiun enskribiĝis ĉiuj vizitantoj. La diverslingveco de la loĝantaro kaj la ofte neamikaj interrilatoj inter la diversaj gentoj donis al Zamenhof la impulson krei lingvon internacian. Kelkfoje okazis tre solenaj postkongresoj en la urbo (1927, 1931, 1959 kaj 1987). En la jaro 2009 (150-a naskiĝdatreveno de Ludoviko Zamenhof) en Bjalistoko estos organizita la 94-a Universala Kongreso de Esperanto.

Oni konstruas en Bjalistoko grandan Esperanto-Centron Ludoviko Zamenhof, kiu enhavos krom lernocentro kaj esplorcentro ankaŭ muzeon pri Bjalistoko en la tempo de Zamenhof. La malfermo estas planita por junio-julio 2009.

En la urbo troviĝas multaj objektoj ligitaj kun la esperanta movado: (1) La tabulo, kiu memorigas la naskiĝdomon de Zamenhof (la strato Zamenhofa 14) pendigita post UK 1959. En la sama loko troviĝas granda trietaĝa murpentraĵo kun famaj bjalistokaj esperantistoj; (2) Monumento al Ludoviko Zamenhof sur la skvaro ĉe la strato Malmeda; (3) La memortabulo sur

muro de iama gimnazio (nuntempa liceo numero 6, la strato Warszawska) en kiu lernis Zamenhof en la jaroj 1869-1873; (4) Familia domo de intermilita esperantisto Jakobo Ŝapiro kaj la memortabulo pri li (la strato Lipowa 31/33); (5) Bjalistoka Esperanto-Centro (la strato Piękna 3); (5)Porinfana Klinika Hospitalo je la nomo de Ludoviko Zamenhof (la strato Waszyngtona 21) - tie troviĝas la aŭskultantara salono nomita "Salono Esperanto" kaj malgranda ekspozicio pri la patrono; en 1993 Bahaa Esperanto-Ligo financis ĉambron por korpa ekzercado je la nomo kaj kun tabuleto de Lidja Zamenhof; (6) Du novaj bjalistokaj stratoj: Esperantystów kaj Antoniego Grabowskiego; (7) Historia muzeo (la strato Warszawska) kelkfoje preparadis ekspoziciojn pri Zamenhof kaj enhavas multajn memoraĵojn pri Bjalistoko de Zamenhofa epoko; (8) Iama bazlernejo numero 23 je la nomo Ludoviko Zamenhof; la lernejo estis likvidita en 2000 pro manko de lernantoj.

Menciinte d-ron Zamenhof oni tuj pensas alian polan Esperanto-famulon en la sama urbo: s-ro Jakobo ŜAPIRO. Li naskiĝis la 29-a de oktobro 1897 kaj estis mortigita en la 12-a de julio 1941. Li estis juda bjalistoka esperantisto, ĵurnalisto (prezidanto de la Unuiĝo de Ĵurnalistoj por la Bialistoka regiono) kaj lingvisto. Inter 1920 kaj 1922 oni penis oficiale registri societon de bjalistokaj esperantistoj. Fine la 17-an de novembro 1922 estis akceptita la regularo de Esperanto-Societo Ludoviko Zamenhof en Bjalistoko. Inter la kreintoj estis Jakobo Ŝapiro. Dum du jaroj la agado tre malgrandiĝis kaj la 8-an de junio 1924 oni reaktivigis la societon. Jakobo Ŝapiro estis elektita kiel ĝia prezidanto.

La nuna Bjalistoka Esperanto-Societa estas fondita pere de Jakobo Ŝapiro en la jaro 1920 kiel la loka Societo de Zamenhof. En tiu ĉi jura formo ĝi funkciis ĝis la fino de la II-a Mondmilito. BES estis reregistrita en la jaro 1991. Sidejo: 15-282 Białystok, strato Piękna 3, poŝta kesto 67, kun reta adreso: esperanto.bialystok@interia.pl kaj telefonnumero: 0048 857 454 600 (merkrede 16.00-19.00)

La Estraro de la societo konsistas el Elżbieta KARCZEWSKA (prezidantino), Cecyla HLEBOWICZ (vicprezidantino), Danuta NOWACKA (kasisto) , Alicja TEMLER (sekretario), Nina PIETUCHOWSKA (membro de la Estraro), Jan PODZIEWSKI (membro de la estraro)

**Ĝemelaj urboj**

Bjalistokoĝemeliĝis kun Eindhoven enNederlando, Kaliningrado en Rusio, Kaŭnaso en Litovio, Jelgava en Latvio, Hrodno en Belorusio, Milwaukee en Usono, Dijon en Francio, Częstochowa en Pollando kaj Miskolc en Hungario. UEA-delegitoj estas troveblaj en Eindhoven, Kaliningrado, Kaŭnaso, Dijon kaj Miskolc.
(el la retejoj: http://eo.wikipedia.org/wiki/Bialistoko kaj http://www.espero.bialystok.pl ).

INTER ĜEMELAJ URBOJ

**La 15-a jara jubileo de ĝemeliĝo inter Gora kaj Herzberg am Harz**

Ĝoju, pri eksterordinaraj sukcesoj, ne nur por ni, sed por la tuta Esperanto-movado ĝenerale.Temas pri la 15-jara jubileo de la ĝemelurba kontrakto inter Gora (Malsupra Silezio) en Pollando kaj Herzberg am Harz - la Esperanto-urbo en Germanio.

1. Graveco de Esperanto por interurbaj samrajtaj dialogoj

Akurate je la 23a de oktobro 2008 estis la 15-jara jubileo de la oficiala ĝemelurba kontrakto inter ambaŭ urboj. Ekde komenco 2005 ambaŭ urboj (kvazaŭ modele) uzas oficiale ankaŭ Esperanton por la samrajtaj interurbaj kontaktoj. Jam kelkfoje ni informis pri tio. Jam minimume dekfoje okazis interŝanĝoj de esperantistoj inter ambaŭ urboj. Trifoje okazis interŝanĝoj de

gelernantoj kun geinstruistoj danke al Esperanto (kun bonega sukceso). Ĉiam okazis oficialaj akceptoj en la urbodomoj, riĉa kultur- kaj ekskursprogramo.

2. Inaŭguro de aparta ekspozicio en la urba biblioteko de Herzberg

Je la 23-a de oktobro la Esperanto-Centro en Herzberg prezentis apartan ekspozicion en la urba biblioteko de Herzberg am Harz. I.a. partoprenis urbestro Gerhard WALTER kaj la estrino de la biblioteko Rosemarie MATWIJOW (kiu same kiel s-ro Walter lernas Esperanton). Krom civitanoj ankaŭ ĉeestis pli ol 10 Esperanto-geamikoj. La urbestro emfazis la gravecon de Esperanto por la praktika interkultura dialogo de civitanoj inter ambaŭ urboj. Peter ZILVAR (estro de la Esperanto-Centro) prezentis la apartan ekspozicion, ekz. 15 tabulojn pri la historiaj evoluoj, libroj, fotoalbumoj, desegnaĵoj, ktp.

Grandparte Zsofia KORODY kaj Teu Kim el Koreo amplene kunmetis la kolektitajn ekspozicimaterialojn. La Esperanto-Centro donacis al la urbestro belegan memorŝildon kun la esperantlingva titolo "Ni estas partneroj" kaj la du urbaj blazonoj. La urbo Herzberg fiksos la ŝildon ĉe la urbodomo. Tio estos daŭrepova reklamo por Esperanto. Aperis gazetartikolo en la regiona gazeto kun foto.

Kelkajn fotojn vi povas vidi sub: http://esperantourbo.spaces.live.com/default.aspx

3. Vizitoj en la pola ĝemelurbo Gora (24a - 26a de oktobro 2008) kun pozitivaj surprizoj

En la oficiala delegitaro sub gvido de urbestro Gerhard Walter ĉeestis Peter Zilvar (kiel reprezentanto de Germana Esperanto-Centro).

La Esperanto-delegitaro konsistis el Zsofia Korody, Yeong-ok Song kaj Otto KERN (ĉiuj el Herzberg), Marika FRENSE, Sandor HIDEG el Hungario, Teu Kim el Koreo kaj Sebastian KIRF, kiuj estis gastoj de la Esperanto-Klubo en Góra, kie aktivas jam ĉ. 10 Esperanto-geamikoj. La urbestro de la Esperanto-urbo Herzberg Gerhard Walter emfazis la gravecon de la neŭtrala lingvo Esperanto por la interkulturaj kontaktoj inter ambaŭ urboj.

Okaze de la eta jubileo okazis grandaj festoj kun inaŭguro de speciala ekspozicio en la urbodomo. En historia filmo pri la subskribo de la urbpartnereca kontrakto je la 23a de oktobro 1993 ni povis vidi i.a. la faman Esperanto-pioniron Joachim GIESSNER el Herzberg.

En la ekspozicio troviĝas ankaŭ kelkaj tabuloj pri la sukcesa praktikado de Esperanto dum la lastaj jaroj.

Posttagmeze okazis granda festo en la urba kulturdomo kun ĉ. 400 partoprenantoj kaj grandaj Esperanto-delegacioj.

Venis famaj muzikistoj el Varsovio. Dum la festprelegoj kelkfoje oni menciis la gravecon de Esperanto.

Urbestro Gerhard Walter donacis al sia pola kolegino urbestrino Irena KRZYSKIEWICZ i.a. pentraĵon kun la kastelo Herzberg kaj esperantlingvan memorŝildon (por la fiksado ĉe la enirejo de la urbodomo en Gora) kaj bonkvalitan esperantlingvan memormedalon el Herzberg. Aperis gazetartikolo kun foto en la subdistrikta gazeto Harzkurier.

Aperis belega festkajero kun nemalmultaj koloraj paĝoj, ankaŭ kun multaj fotoj rilate al Esperanto-praktikado inter ambaŭ urboj. Sebastian Kirf el Emden volas verki magistrigan disertacion pri la sukcesa "Esperanto-pontlinga projekto inter Gora kaj Herzberg"). Okaze de la Eŭropa Esperanto-Kongreso dum Pentekosto 2009 venos esperantlingva delegacio el nia pola ĝemelurbo Gora, eble ankaŭ kun la nova urbestro Irena Krzyszkiewicz, ĉar s-ro Gerhard Walter invitis ŝin okaze de la eksterordinara internacia evento en Herzberg - la Esperanto-urbo.

4. Oni fabrikis informŝildon (60 x 40 cm) en bona vetertaŭga kvalito "Ni estas partneroj", nur 60,00 Eŭroj po peco. Mendo estas bonvena. (Germana Esperanto-Centro / Interkultura Centro Herzberg (ICH), DE-37412 Herzberg - la Esperanto-urbo Germanio) --- 07-11-2008

## Gratulletero de la komisiito al la 15-a jariĝo de la ĝemeliĝo de

**Herzberg am Harz (la Esperanto-urbo) kaj Gora**

Estimataj s-roj urbestroj de la du urboj,
Karaj esperantistoj kaj Esperanto-organizaĵoj de la du urboj,

En meŝaĝo de samideanoj Petro Zilvar kaj Zsofia Korody el Germana Esperanto-Centro mi tre ĝojas, ke la 23-a de oktobro, 2008 estos la 15-a ĝemeliĝa datreveno de du urboj Herzberg am Harz (la Esperanto-urbo) en Germanio kaj Gora en Pollando. La du registaroj speciale faras aranĝojn por festi tion tiurilate.

Antaŭ 15 jaroj ambaŭ urboj oficiale ĝemeliĝis por amika interŝanĝo kaj kunlaboro. Surbaze de tiu rilato la du urboj atingis rimarkindajn sukcesojn sur multaj kampoj. Esperanto-kunlaboro devas esti ekzemplo inter ili. Oni ne forgesas, ke danke al eminentaj antaŭvido kaj decido de la du urbestroj Esperanto estas uzata kiel pontlingvo inter Herzberg am Harz kaj Gora ekde 2005. Sendube tio ne nur aldonas novan enhavon kaj facilan vojon por interkomunikado de la du urboj, sed ankaŭ estas granda kuraĝigo al praktikado kaj apliko de Esperanto. Tio plue forte montras kaj pruvas, ke Esperanto estas vivanta lingvo.

Oni rimarkis, ke diversaj interŝanĝoj de du flankoj, precipe Esperanto-agadoj, estas multiĝanta surbaze de starigo de tiu pontlingvo. Tion povas pruvi prezentado farita de samideanoj el Germana Esperanto-Centro en la lastaj tri Universalaj Kongresoj de Esperanto. Sukcesa sperto de Herzberg am Harz kaj Gora ne plu apartenas al ili mem, sed al ĉiuj urboj en la mondo, precipe al tiuj urboj, kiuj hezitis aŭ preparos sin por Esperanto-uzo en interŝanĝo kaj kunlaboro kun siaj ĝemelurboj. Samtempe mi kredas, ke la du urboj iniciateme kreos plimultajn bonajn spertojn en la estonteco por rapida kaj stabile evoluo de Esperanto.

Okaze de la festo mi en nomo de komisiito de UEA pri la projekto "Ĝemelaj Urboj" elkore gratulas vin ĉiujn, kaj esprimas mian elkoran saluton al la urbestroj kaj civitanoj de la du urboj, kaj al Germana Esperanto-Centro kaj Esperanto-Grupo en Gora, kaj al esperantistoj en du lokoj. Mi bondeziras al la du urboj progreson kaj prosperon. --- 20-10-2008

**Serva Platformo**

Rusio

La renkonto "Amika rondo en N. Tagil" okazos dum aŭgusto 2009, vidu la retejon: http://www.kpc2008.narod.ru

Samideanoj, precipe tiuj en ĝemelurboj de N. Tagil, kiuj deziras partopreni, povas skribi al Larisa KUZMENKO (hejma adreso: str. Kushvinskaja 25"A", 622013-N. Tagil, Sverdlovskaja reg., Rusio, kun klarisa8@yandex.ru ).

*****************************************************************************

Redaktoro: Wu Guojiang / komisiito de UEA pri la projekto "Ĝemelaj Urboj"
Adreso: Fushun Shiyouyichang Yanjiusuo
CN-113008 Fushun Liaoning Ĉinio
Telefono/Fakso: +86-413-2650322 (fakso post la 5-a sonorilo)
Retadreso: amikeco999@21cn.com, ghemelurboj@yahoo.com.cn